Eldonejo SOPENA eldonas en sia serio LEXICON la vortaron «Esperanto-Español kaj Español-Esperanto» kun gramatikaj klarigoj; preparis ĝin A. Paluzie kaj P. Nuez.
Oni konstruas en Monistrol de Montserrat, junularan restadejon gvidata de HEJS.
Foiro de Barcelono reeldonas afiŝojn en Esperanto kaj akceptas organizi standon pri Esperanto senpage.

## 1968

53-a Universala Kongreso de Esperanto en Madrido, honora prezidanto Ŝtatestro Francisco Franco; kiel speciala libro por la U. K. estas eldonata la verko «Soleco» de la fama verkistino V. Catalá, tradukis ĝin J. Ventura.
E-Klubo Aŭroro transformiĝas en E-klubo Foment Martinec.
36-a Internacia Kongreso de Blinduloj en Madrido.
10-a B.E.R. en Sant Pau d'Ordal, oni inaŭguras straton «Zamenhof».
2-a Provinca E-Kunveno en Girono.
24-a I.J.K. de TEJO en Tarragona, oni inaŭguras: straton «Zamenhof» en Tarragono kaj Monistrol de Montserrato kaj la rifuĝejon «Junulara Restadejo Esperantista» en Monistrol.
Stafeto reeldonas la verkon «La infana raso».
Fondiĝas Centro de Esperanto en Sabadell.

## 1969

29-a Hispana Kongreso de Esperanto en La Laguna.
Fondiĝas «Fonduso Esperanto», prezidata de HEF-prezidanto.
11-a B.E.R. en Les Fonts de Terraso.
Valencia E-Renkontiĝo en Cheste.
Startas la literaturaj konkursoj de «Fonduso Esperanto».
Redaktorino de HEF-Bulteno, Inés Gastón.
Internacia Renkontiĝo en Perpignan.
Prezidanto de HEF Angel Figuerola.
Stafeto eldonas la verkojn: «Humoroj», «Eta vivo» kaj «Kantoj kaj romancoj».
11-a Literatura Konkurso premio «Comella Bassols».
Estas inaŭgurataj stratoj «Esperanto» en la urbo: Girono, Les Fonts de Terrasso kaj Santa Cruz de Tenerifo.

## 1970

Sidejo de HEF en Madrido.
2-a Franca-Hispana E-Renkontiĝo en Jaca.
30-a H.E.K. en Mieres.
Mortas M. Solá kaj F. Vilá.
Organiziĝas nova sekcio de HEF, ĝi estas «Hispana Turisma E-Sekcio, prezidas en ĝi Inés Gastón.
Valencia Esperantista Renkontiĝo en Gandía.
Oni kreas specialan fonduson por aĉetado de HEF-sidejo en Madrido.
Stafeto eldonas la verkojn: «La tempesto» kaj «Bona ŝanco».
Inaŭguras straton «Esperanto» en Manlleu.
Iberia eldonas informfoliojn en Esperanto.
12-a B.E.R. en Manlleu.

## 1971

31-a H.E.K. en Alicante.
Grava librodonaco por la biblioteko de HEF, fare de R. Fiol kaj C. Martínez.
13-a B.E.R. en Sant Cugat del Vallés kie oni inaŭguras straton «Esperanto».
Estas inaŭgurata strato «Esperanto» en Benidorm.
Pedro Nuez eldonas facilan lernolibron «Curso elemental de Esperanto».
1-a Astura Esperantista Kunveno en Gijón.
Stafeto eldonas la verkojn: «Kun siaspeca spico!», «Invit'al japanesko», «Cigana Romancaro» kaj «Senĝenaj dialogoj».

## 1972

Aperas «Kun sopira Koro» kaj «La arbo de la sciado» tradukitaj de F. de Diego.
Stafeto eldonas la verkojn: «Ni kaj Ĝi. Eseoj III. Pri religio kaj arto» kaj «Volo kaj vorto».
14-a B.E.R. kaj inaŭguro de strato «Esperanto» en Riells de Fai.
32-a H.E.K. en Vigo.
Franca-Hispana Renkontiĝo en Pau.
Dua Premio «Francisco Máñez».
HEF aĉetas oficejon en Madrido kun la celo posedi propran sidejon.

## 1973

5-a Franca-Hispana Renkontiĝo en Bilbao.
33-a H.E.K. en Madrido.
15-a Kataluna Esperanto-Renkontiĝo en Calella.
Stafeto eldonas la verkon «Esploroj».
Firmao «Escudo de Oro» eldonas poŝtkartojn kun teksto en Esperanto jena, «La poŝtkarto de la amikeco».

## 1974

26-a Internacia Fervojista E-Kongreso en Tarragono.
L. Mimó eldonas la verkon «Kompleta Lernolibro de Regula Esperanto».
34-a H.E.K. en Valladolido. Mortas E. Tudela Flores.
6-a Franca-Hispana Renkontiĝo en Biarritz.
Stafeto eldonas la verkojn: «Ni devas vivi» kaj «El la vivo de Bervala sentaŭgulo».
16-a K.E.R. en Cervera kaj inaŭguro de strato «Esperanto».
Calella inaŭguras straton «Esperanto».
F. Zaragoza organizas hispanan sekcion de I.L.E.I.
Hispana E-Muzeo, inaŭguras propran sidejon en Sant Pau d'Ordal.

## 1975

1-a HEJS-Tendaro en Zaragozo.
Hispana E-Muzeo kaj Centro de Esperanto Sabadell kreas la premion «Klara Silbernik».
17-a K.E.R. en Girono. Okaze de la 35-a H.E.K. oni inaŭguras en Lérida straton «Zamenhof».
Fondiĝas kultura revuo «Horizonto».
Ricard Güell eldonas la verkon «Malsupra Tero».
Stafeto eldonas la verkon «Patrina Koro».

## 1976

17-a Internacia Fervojista E-Skisemajno en «La Molina».
Akceptas la Redakcion de HEF-bulteno S. Aragay.
L. Mimó eldonas la verkojn de C. Soldevilla: «Tamen civilizitaj» kaj «Neĝobulo» en unu volumo.
Eldonejo OIKOS-TAU eldonas hispane la verkon de Pierre Janton «El Esperanto».
18-a K.E.R. en Valls, estas inaŭgurata strato «Esperanto».
8-a Franca-Hispana Renkontiĝo en Lourdes.
Organiziĝas Kunordiga Komitato de HEF en Katalunio kaj prezidas ĝin Pedro Nuez.
36-a HEK en El Ferrol.

## 1977

Aperas «La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha» de Cervantes, tradukita de F. de Diego kaj eldonita de F.E. dank'al donaco de familio Manteca.
Oni inaŭguras straton «Esperanto» en Villacañas (Toledo).
37-a H.E.K. en Sabadell. 19-a K.E.R. en Cornellá kie oni inaŭguras straton «Esperanto».
12-a eldono de «El Esperanto al alcance de todos», de F. Soler.
Mortas Rafael Herrero.
Félix Navarro eldonas la libron «Esperanto Curso Práctico».

Fondiĝas Barcelona Esperanto-Centro, prezidata de S. Aragay.
Inaŭguras komercan entreprenon «Llibreria Esperanto», en Barcelono.
Centro de Esperanto de Sabadell inaŭguras propran sidejon malavare donacitan de A. Galbany de Criach.

## 1978

38-a H.E.K. en Leono kaj 20-a K.E.R. -18-aj Internaciaj Floraj Ludoj okazas en Tortoso.
HEF-sidejo translokiĝas al Valladolido, prezidas en HEF M. Rafaela Urueña.

## 1979

«Heroldo de Esperanto» translokiĝas al Madrido.
39-a H.E.K. en Gijón. 21-a K.E.R. 19-aj I.F.L. okazas en Rubí, sekretario de la Internaciaj Floraj Ludoj G. Mora i Arana.
Oni organizas societon «Kataluna Esperanto-Asocio», prezidanto M. Casanoves. Firmao Sagarra Bascompte S. A. disvendas oleon «Esperanto».
Eldona Fako de HEF, eldonas libron pri la «premiitaj verkoj de la 18-aj Internaciaj Floraj Ludoj».
Centro de Esperanto en Sabadell, reinaŭguras Avenuon «Zamenhof», tiu avenuo estis inaŭgurita la jaron 1912-a.
Kastilia Renkontiĝo en Palencio.

## 1980

8-a Valencia Esperantista Renkontiĝo en Buñuel kie estas inaŭgurita strato «Zamenhof».
40-a H.E.K. en Madrido. Oni reorganizis HEJS.
Oni organizas la 4-an HEJS-Tendaron en Gandia.
1-a Esperantista Renkontiĝo en El Ferrol.
Fondiĝas «Hispana Esperantista Asocio, Anton Balagué» prezidas en ĝi L. Serrano.
22-a K.E.R. kaj 20-aj I.F.L. en Vilanova i Geltrú.
F. Zaragoza Ruiz eldonas la lernolibron «Una Lengua para Todos».
Estas eldonata la verko «La Iglesia y el problema de la lengua Auxiliar Internacional» Eldonejo Claret.
14-a Esperantista Renkontiĝo de la Orienta Regiono en Murcia.
Grava Omaĝo al D-ro Sancho Izquierdo, Honora Prezidanto de HEF, en Zaragoza.

## 1981

41-a H.E.K. en Murcio. 5-a HEJS-Tendaro en Elche.
Callosa de Segura inaŭguras straton «Esperanto».
Okaze de la 75-a datreveno de la fondiĝo de Bilbaoa Esperanto-Grupo, ĝi organizas «Internacian Esperantista Renkontiĝon». Mortas M. Manteca López.



Madrida Esperanto-Liceo organizas 3-an Internacian Literaturan Konkurson.
23-a K.E.R. -21-aj I.F.L. en Moiá.
Aperas «SOCIAL-HUMANISTA», dulingva gazeto eldonata en Terrasso, ĉefredaktoro Giordano Moya.
9-a eldono de la facila lernolibro de Pedro Nuez «Curso Elemental de Esperanto».
Mortas Sebastiano Chaler, unu el la fondintoj de HEF.

**V. H. Llusera, L. Serrano, S. Aragay**

# NIAJ GRUPOJ

**BILBAO.**—La Bilbaoa E-Grupo aranĝis novan kurson, kiu komenciĝis la 5-an de Oktobro, kaj oni supozas la finon meze de decembro. Per tiuj mallongaj kursoj, la gelernantoj akiros bazan nivelon, por rekomenci post decembro progresigan kaj konversacian kurson.

Por la veteranaj esperantistoj, la tagoj por kunveni en la Grupejo estas la lundoj kaj ĵaŭdoj.

Kiel novaĵo, ni sciigas ke ĉijare nia estrarano s-ano Artur Bastida estas preta instrui Esperanton vasklingve, ĉar, laŭŝajne ni neniam faris tion, ni konsideras la aferon tre interesa sperto por nia Grupo.

**ZARAGOZA.**—La Esperantista Grupo «Frateco» organizas en Zaragoza du kursojn por komencantoj, plie unu superan kaj alian praktikan.

Kunlabore kun la gepatroj de la lernantaro de Nacia Kolegio oni aranĝis kurson por komencantoj kaj alian perfektigan.

**Seminarioj.**—Kiel en pasintaj jaroj, niaj Seminarioj okupos la vesperon de ĉiu vendredo. Novaĵo ĉijare estas ke nur la lastan vendredon ĉiumonate prelegos la veteranoj dum la restantajn vendredojn prelegos la junuloj, kiuj organizos ĉion: Prelegojn, rakontojn, deklamojn, ĉion amuze, distre kaj kompreneble, esperantlingve.

**VALLADOLID.**—Kiel kutime en Oktobro, la Esperantista Grupo «Fido kaj Espero», komencis Elementan Kurson, gvidatan de nia entuziasma samideano Mauro López Nalda. La Elementa Kurso komenciĝis la 14-an de Oktobro kaj ĝi okazas lunde, merkrede kaj vendrede je la oka vespere.

Por la progresantoj, la kunvenoj por praktiki la lingvon okazas marde kaj ĵaŭde, kaj la junulara sekcio de la Grupo nomata «Kerno» kuniĝas speciale unu fojon semajne.

**Projekcio de diapozitivoj.**—Kiel komencon de la aktivaĵoj de nia Grupo, la 13-an de Oktobro, S-ro Luis Martín Herrero, Prezidanto de la Grupo, projekciis kolorajn diapozitivojn pri Tailando, Nepalo kaj Hindio, kun ĉeesto de amaso da membroj de nia Grupo kiuj plenplenigis la salonon.

**Prelego.**—Daŭrigante la kutimon prelegi dum la kursoj la lastan mardon de ĉiu monato, nia samideano Luis Hernández, sekretario de H.E.F., la lastan mardon de Oktobro prelegis pri «La Universala Kongreso de Esperanto en Brazilio». La temo estis prezentita situante geografie kaj historie Brazilon kaj la ĉefurbon Brazilion, montrante al la ĉeestantoj per landkartoj kaj hemisferkarto la situacion de tiu lando.

Poste, li parolis pri la Kongreso mem, sukceso kaj signifo de tiu kongreso okazinta unuafoje en la suda hemisfero, kaj kuraĝigis la esperantistojn partopreni iam en Universala Kongreso, kaj pro la pli granda proksimeco al nia Lando, li admonis ilin partopreni en la venontjara Universala Kongreso okazonta en Antverperno (Belgio). Fine la ĉeestantoj demandis al li pri diversaj aspektoj de la kongresoj kaj speciale pri tiu de Brazilo. Je la 9-a vespere finiĝis la kunveno per tondra aplaŭdado.

**ALICANTE.**—En la Socia Centro de la Ministerio pri Kulturo komenciĝis en Oktobro du Elementaj Kursoj, lunde, merkrede kaj vendrede kaj Perfektiga Kurso ĉiuĵaŭde.

**VALENCIA.**—La 17-an de Oktobro kaj kun ĉeesto de pli ol 75 gesamideanoj okazis la inaŭguro de la nova sidejo de la Esperanto-Grupo de Valencia situanta en Gran Via Fernando el Católico, 45 3º. Post la bonvenigaj salutvortoj de la Prezidanto de la Grupo S-ro Juan Bosch, parolis S-ino Ada Fighiera-Sikorska, redaktorino de la prestiĝa periodaĵo «HEROLDO DE ESPERANTO», kiu rakontis al ni siajn spertojn kun nia lingvo ESPERANTO. Sekve S-ro Gian Carlo Fighiera, de la Monda Turisma Organizo prelegis pri tre interesa temo «Faktoroj kiuj favoras kaj faktoroj kiuj malfavoras la internacian oficialigon de Esperanto». Sekvis la salutvortojn de reprezentantoj de aliaj grupoj de Esperanto kaj fine S-ro José Luis Ruiz del Puerto gitarludis diversajn komponaĵojn.

Ni gratulas niajn samideanojn de Valencia por la nova sidejo kaj ni esperas ke ĝi permesos al ili daŭre kaj aktive labori por la progreso de Esperanto en Valencia.

**CARTAGENA.**—La 10-an de Oktobro kaj organizita de la loka E-Grupo «Cartago-Nova» okazis en la Kultura Salono de la Provinca Ŝparkaso de Murcio en Cartagena la oficiala inaŭguro de la Esperanta Kurso 1981-a-1982-a.

Inter la ĉeestanta publiko kiu plenigis la salonon, ni elstaras la ĉeeston de la Delegito de Kulturo kaj Sporto; la Direktoro de la Ŝparkaso, la Vicsekretario de la Urba Konsilantaro nome de la Urbestro de Cartagena.

Prezidis la eventon S-ino Ana María Hernández Ros-Codorniu akompanata de la tuta estraro de la Grupo «Cartago-Nova». S-ino Hernández Ros-Codorniú per trafaj vortoj prezentis S-ron Francisco Zaragoza, Vicsekretario de I.L.E.I. kaj estrarano de H.E.F., kiu prelegis pri la utileco de la internacia Lingvo Esperanto, kaj S-ron Francisco Sánchez Antón, profesoro de Esperanto kiu kuraĝigis ĉiujn lerni Esperanton. La aranĝon finigis S-ino Hernández Ros-Codorniú per karaktera improvizata kanteto.

Pere de ĉi tiu linioj ni esprimas nian dankemon al la Ŝparkaso de Murcia en Cartagena kiu helpas la esperantistan movadon en Cartagena, ne nur morale, sed ankaŭ finance.

**GERONA.**—De la 24-an de Oktobro ĝis la 1-an de Novembro kaj en la kadro de la Girona Foiro, la loka E-Grupo «Girona Espero» prezentis standon bele ornamita per kurtenoj, arbustoj kaj afiŝoj afable pruntedonitaj de Kataluna E-Asocio. Ankaŭ funkciis libro-servon kaj oni informis pri Esperanto al pluraj interesuloj, ĉefe gejunuloj. Dum la okazigo de la Foiro kaj per Radio Girona estis intervjuataj pri Esperanto S-ro Puig de Sabadell kaj S-ro Masías de Girona. La evento estis tre pozitiva por la diskonigo de Esperanto en la regiono.

En la proksima urbeto Flassa, S-ro J. Geli instruas esperanton al 15 gelernantoj.

**GIJON.**—La 5-an de Oktobro komenciĝis en la sidejo de la Astura Esperanto Asocio, elementa Kurso kun partopreno de 36 gelernantoj, kiu ĝis nun malvolviĝas kun tre granda sukceso. La gvidanto de la kurso estas nia entuziasma s-ano Santiago Mulas Gallego.

# NI KOMENTU POEZION

## «MALVARMA EDZINO», de Eli Urbanova. (El la «Esperanta Antologio», de W. Auld).

Nenio lia ŝin ekscitas:
nek la okul' trankvile blua,
nek buŝo, ĉiam predikpreta.
Kondut' entute tro kvieta
ŝin lasas laca kaj enua.
Jen kion diri ŝi hezitas.

Malvarma kiel mem marmoro
glitadas ŝi el vestkiraso...
Nur kiam ŝi sur lito kuŝas
kaj suverene li ektuŝas
dum ama akto sen ekstazo,
en ŝi eksplodas muta ploro.

«Malvarma edzino» aperas, kune kun aliaj poezioj de Eli Urbanova, en la «Esperanta Antologio» de William Auld, eldonita en 1958. Ĝi konsistas el du strofoj de ses versoj naŭsilabaj, rimantaj ABCCBA.

Malvarmo trakuras la tutan poemon de la komenco ĝis la fino kaj penetras en la animon de la leganto. Urbanova najlas en nia koro la intiman doloron de sia ina protagonisto. Kiamaniere la aŭtorino atingas tion? Ni ekzamenu detale la poemon.

En la unua verso ĉiuj akcentoj incidas sur la akutan vokalon «i». Akre kaj konstante tiktakas en la verko du duraj konsonantoj, «k» kaj «t». La unua kaj lasta vortoj de la poemo —nenio, ploro— signife limigas la tekston kaj markas ĝian karakteron.

Verboj en simpla prezenco frostigas la poemon en tempo ne determinita. Nur du verboj kunportas rektan komplementon kaj la aliaj estas netransitivaj aŭ senobjektaj. La senco de movo ekzistanta en ĉiu transitiva verbo ne funkcias en la poemo. **Glitadas** kreas ideon de silenta, senviva falo de protektaj vestoj. Tiel, movo fakte mankas.

Lokaj determinacioj ankaŭ forestas. **Sur lito** indikas konkretan situacion, sed la nudeco de la esprimo utilas nur por reliefigi la malvarmecon de la akto kaj la mankon de ia ajn amo kaj tenereco en ĝi.

Al la demandoj «Kie?» kaj «Kiam?» la poemo ne respondas. Tiel, ĝi restas kvazaŭ intima dramo fermita en ina koro kaj nekonata de la mondo. Plue, nek sono nek koloro animas la universon de la poemo.

Artikolo aperas nur en **la okul**. Kaj tiu konscia forigo rimarkigas la nedifinitecon de loko, momento kaj personoj, kaj samtempe dramigas la kernon de la poemo: malvarmeco.

Ĉiu verso enhavas kompletan pensunuon. Fakte, oni povus sanĝi la lokon de kelkaj versoj, ne sanĝante la signifon de la parolĉeno.

Nur en la du lastaj versoj aperas adjektivo antaŭ substantivoj. En ambaŭ kazoj, tio akcentigas dramece —**ama akto, muta ploro**—, la valoron de la substantivoj. La ceteraj adjektivoj aperas for de siaj koncernaj substantivoj, tiel paligante la forton de la paro.

Nur du kunmetitaj vortoj aperas: **predikpreta** kaj **vestkiraso**, ambaŭ originalaj kaj esprimpovaj. Intensa estas ankaŭ la metafora valoro de Suverene.

Ni ĵus vidis la diversajn rimedojn —fonetikajn, sintaktikajn, stilistikajn— kiujn Urbanova utiligas por krei la glacian etoson de la kompozicio.

En tiu pala, fermita universo, du antagonistoj aperas. Ambaŭ sennomaj, tutsimple edzo kaj edzino. La vira portreto eksplikas (ĉu eksplikas?) la unuan kaŭzon de la dramo: **okul' trankvile blua**, buŝo ĉiam predikpreta. Aliaj indicoj pri li: **suverene li ektusas** (mastrece, sen amo nek kareso). Li estas viro kvieta, rutine plenumanta edzan devon aŭ rajton.

Kaj... la virino? Ame ne motivita, laca kaj enua, hezitanta paroli. Malvarma. Ŝi sentas sin pli perfortita ol amata.

Implicitaj demandoj stariĝas: Kiu kulpas? Ekzistas solvo? La verkistino ne respondas, ĉar ne estas tasko de la poezio solvi problemojn. Ŝi rakontas senpasie, eksponas la premisojn: Edzo senkora, memsufiĉa, kaj edzino malvarma, suferanta. Ĝui la melankolian belecon de la poemo kaj eltiri konkludojn estas laboro de la leganto.

La verko de Eli Urbanova estas, laŭ ni vidis, rakonta poemo surface simpla kaj funde alttensia, en kiu latentas forta ŝarĝo de simpatio kaj komprenemo de virino al virino.

**J E S**

---

# OMAĜE AL S-ano JOAQUIN LOPEZ HERRERO

La Hispana Esperantista Asocio «Antón Balagué» omaĝe al sia forpasinta membro kaj estrarano, Joaquín López Herrero, decidis meti sur lia tomboŝtono gravuritan metalan lamenon kun la jena teksto:

MEMORE

Al nia neforgesebla amiko
Joaquín López Herrero
Hispana Esperantista Asocio
«Antón Balagué» M. E. M.

La estraro malfermis fonduson por ke ĉiu membro povus kunlabori. Tamen, kaj sciante ke inter la membroj de H. E. F. nia memorinda amiko havis multajn geamikojn, ni invitas ilin preni parton en ĉi tiu fonduso. Se le kolektita mono superus la prezon de la lameno (4.075 p-tojn), nia Asocio transdonus la diferencon al tiu grupo, E-Organizaĵo aŭ esperantisto, kiu iamaniere omaĝos al nia neforgesebla amiko Joaquín López Herrero. Dankon. La monon vi povas sendi al: Hispana E-Asocio «Antón Balagué». Font Nova 32 SABADELL (HISPANUJO).

**Luis Serrano Pérez**
**Prezidanto**

# Recenzoj, Recenzoj, Recenzoj

**EŬROPA KALENDARO 1981-82.**
Eldonas: Eŭropa Klubo. Paderborn (Germanujo); 54 paĝa.
Prezo 400 p-toj. Mendebla ĉe Libroservo de H.E.F. Dos de Mayo, 4. VALLADOLID-4.

Ni havas antaŭ ni surprize kompletan, nekutiman, originalan kaj bele presitan kalendaron.

La kovrilo, diverskolora jam, prezentas la flagojn de la diversaj ŝtatoj apartenantaj aŭ apartenontaj al la Eŭropa Komunumo, kaj per diversaj koloroj kaj frazoj montras kion interne havos la kalendaro, tio estas veran eŭropan kulturan informaron.

La samaj frazoj de ĉiu paĝo aperas en la lingvoj de la membroj de la nuna E-Komunumo, krom en la latina kaj en la internacia lingvo Esperanto. Jam de la unua paĝo, krom la notoj de normala kalendaro (dato, semajntago, monato) kaj ĉiam en la menciitaj lingvoj, paĝon post paĝo, oni trovas veran internacian vortaron por lerni eŭropajn lingvojn aŭ rememori ilin se iam lernitajn.

Krom tio aperas la historio de la evoluo de la Europa Unio, kaj la historio, klimato, ekonomio k.t.p. de la diversaj eŭropaj landoj. Vere ne temas pri poŝa nek mura kalendaro, sed informa kalendaro, taŭga por sciemaj personoj, ĉar ĝi enhavas ankaŭ prezentadon de la fonetiko, gramatiko k.t.p. de Esperanto, krom aliaj tre utilaj informoj pri eŭropaj gastejoj, hoteloj, konendaj Deklaracioj kiel la Universala Deklaracio pri Homaj Rajtoj kaj la Memorando de la Eŭropa Klubo.

Por la studentoj, por la lingvamantoj ĉi tiu kalendaro estas posedinda juvelo, kiu permesas lerni aŭ perfektiĝi en diversaj lingvoj samtempe kaj ekkoni novaĵojn kiuj neniam restos malaktualaj.

Al tio jam dirita, ni devas aldoni ke la kalendaro prezentas en la lastaj folioj la datojn ĝis 1989-a.

Ni gratulas la Eŭropan Klubon de Paderborn pro la granda laboro kaj bona prezentado kaj informado kiun tiu kalendaro proponas al la leganto.

**Urueña**

**SKIZO PRI ĈINIO**
Eldonis: «El Popola Ĉinio», Pekino, 1981-a.
Prezo 130 p-toj. Mendebla ĉe Libro-Servo de H.E.F.

Temas pri tipa propagandilo, karakterizata de ĉio kion tio signifas. Kiu legis iuajn el tiuj libroj, tiu jam konas ĉiujn, nur ŝanĝas la lando kaj la nomoj, sed neniam la adjetivoj. Ĉio estas rozkolora, kaj problemoj tute ne ekzistas kaj ĉi-tiu verko ne estas escepto, sed male.

La libro komencas per prezento de la ĉiniaj geografio kaj etnografio. Tion sekvas mallonga skizo pri la ĉina historio, uzante la historian materiismon, tre korekte unue, iom manikee poste. La ĉapitro pri politiko kaj socia organizado fariĝas peza kaj unutona, laŭ mia opinio estas eksceso da detaloj.

La du lastaj ĉapitroj, tiuj pri ekonomio kaj kulturo difektas la trouzon de nombroj kaj statistikoj, emfazante la atingojn de la ĉina reĝimo, ĉefe ekde 1948-a, ĉu necesas tiom enuigi ĉiujn? Tamen, aparte interesaj kaj legindaj estas la subĉapitroj traktantaj sciencon, medicinon, literaturon, sportojn, kaj aliajn aferojn preskaŭ nekonataj pri Ĉinio en Eŭropo.

La plej grava merito de la verko estas sendube ĝia alloga lingvonivelo, kiel estas kutime en ĉiuj eldonaĵoj de «El Popola Ĉinio». Ĝia vortriĉeco estas mirinda kaj ĝia frazkonstruo estas perfekta. Tio, iasence, vualas la aliajn difektojn de la verko.

**UNKERA**

---

# NEKROLOGO

## Miguel Manteca López (1913-1981)

La verko de Cervantes estas krom eterna, universala. Universala estas Don Quijote de la Mancha, kaj ankaŭ tiaj estas lia ŝildisto Sancho kaj la senkompara Dulcinea del Toboso. Sed, tiu dimensio, kiu konigis ilin tra la tuta mondo pere de tradukoj en nenombreblaj idiomoj, ne plene kontentigis nin. Verko ja universala devas aperi en lingvo universala: Esperanto.

Ne estas do, mirige ke, de kiam la hispanaj esperantistoj informiĝis pri la ekzisto de la kompleta versio de la verko «La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha» en Esperanto, farita de F. de Diego, ĉiuj sentis saman deziron: ke la verko estu eldonita. Unuavice, la tiama estraro de HEJS kaj je sia nomo Miguel Gutiérrez, de Santander, petis de la Patronaro de «Fundación Esperanto» la eldonadon de la verko. Gravaj malfacilaĵoj malhelpis la plenumon de nia deziro. Sed, la mecenateco de gesinjoroj Manteca-Cano, manifestiĝinta per la akiro de la manuskripto kaj ties transdono al «Fundación Esperanto» estis forta impulso por ni, kaj la oferemo de Víctor Ortiz ebligis la eldonadon.

Fine, la 26-an de septembro 1977, okazis en la Ateneo de Zaragoza la oficiala prezentado de la libro!

.................................................................

Per la supraj vortoj komenciĝas la raporto pri la oficiala prezentado de la libro «La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha», en Esperanto.

Kiam la 22-an de septembro ĉijara, ni estis informitaj pri la forpaso de S-ro Manteca, ni preskaŭ ne kapablis kompreni la realon. Sed, kion ni ne povas akcepti, estas la diro: «Nia samideano Miguel Manteca, ne plu inter ni». Por la esperantistoj, precipe por «Fundación Esperanto», li ĉiam vivos pere de la eldono de la universala verko «La Inĝenia Hidalgo Don Quijote de la Mancha», en Esperanto, ĉar ĝia eldono, al kiu li tiom kontribuis, signis gravan antaŭenpaŝon en la plisolidiĝo de Esperanto.

**Inés Gastón**
**Sekr. de Fundación ESPERANTO**

Ĵus ni sciis pri la forpaso de nia samideano JOSEP VENTURA FREIXAS. Pace ripozu.

---

# DEZIRAS KORESPONDI

Pensiulo, estinta presisto laboranta en paperfabriko, 69-jaraĝa, vidvo, kun hispanoj bankoficistoj aŭ instruistoj. Li konas hispanan lingvon kaj nun li deziras perfektigi Esperanton. Skribu al: S-ro Kestesz Imre; Dunaujvaros; Gagarin Ter 13. V; (2.400 HUNGARUJO).

40-jaraĝa viro, fervojisto, kun gehispanoj por perfektigi la lingvoscion. Li ŝatas vojaĝi kaj fotografii. S-ro Fazekas Miklós.—Népköztársaság u.3. D/5. BALATONFURED (H-8230 HUNGARUJO).

16 jaraĝa junulino, kolektanta b.k. kaj ŝatas filmojn kaj teatraĵojn. F-ino Eva Gacsal.—EGER: Mikes k.u. 19 (3.300 HUNGARUJO).

S-ro Duzio Luigi.—Via A. Certosa 13; 14100 ASTI (Italio) interŝanĝante p.m. kaj p.k.

Por kolekti kalendaretojn, Ivan Gjwzeler.—Todorov bl. 11 vh. A.—SOFIO 1408 bul. Petko (BULGARIA).



29-jaraĝa jugoslava esperantisto interŝanĝas uzitajn p.m. S-ro Veliko Kuezeviĉ.—23000 Zrenjanin.—Rade Koncara 26 (Jugoslavio).

Fraŭlo 21-jaraĝa kun hispano pri ĉiu temo. S-ro Rahim Davari.—Ketab Ferushiye nirzakhani.—AZARBAYJAN. Bonab. (Irano).

# 42-a Hispana Esperanto-Kongreso

## Málaga 16-a ĝis la 21-a de Julio 1982-a

**VENDREDON 16-an**
Akcepto de la gekongresanoj kaj disdonado de la dokumentoj

**SABATON 17-an**
Ekzamenoj
Kunsido de la estraro de H.E.F. kun delegitoj de la Grupoj
Solena Malfermo de la Kongreso. Oficiala foto.
Folklora andaluzia festo.
Fakaj kunvenoj.
Projekcio de E-filmo.

**DIMANĈON, 18-an**
Sankta Meso
Prelego en esperanto
Seminario pri «La Instruado de Esperanto en Hispanio, laŭ la popola kaj la registara vidpunktoj».
Organizado de komisionoj kiuj studos la aferojn de la seminario.
Arta Vespero.

**LUNDON, 19-an**
Vizito al la urbo.
Kunvenoj de komisionoj.
Ĝenerala Kunveno de H.E.F.

**MARDON, 20-an**
Seminario pri IKUE, HEFA, ILEI, HEJS, k.t.p. en Hispanio.
Hispanlingva prelego.
Solena fermo de la Kongreso.
Bankedo

**MERKREDON, 21-an**
Tuttaga ekskurso tra la Suna Marbordo.

### LOKA KONGRESA KOMITATO

| | |
|---|---|
| PREZIDANTO | Andrés Martín González |
| VICPREZIDANTO | Angel Arquillos López |
| SEKRETARIO | Julio Herrero Segura |
| VICSEKRETARIO | Ricardo Albert Reyna |
| KASISTINO | Paqui Corrales Guerrero |
| VOĈDONANTOJ | Fernando Prieto León |
| | Jesús García Martínez |
| | Cristina Tirado Narváez |
| | Rafael López Castilla |
| | M. Dolores Gaspar Jiménez |